LIBERTEMPA NUMERO.
DEDIĈITA AL LA KONGRESANOJ!

# Amikeco

Monata gazeto de la
Internacia Esperantista Kolektanto-Klubo,
Sekcio de Migrantaj poŝtkartoj,
Internacia Klubo de Esperantistaj Filatelistoj
Prezidanto: J o s e f G r o e b e l ,
Administrado: Koblenz am Rhein, Eltzerhofstr.5

No.7/8 julio/aŭgusto 1925 2.jaro.

Abonprezo: po jaro 1 U.S. Dolaro.
Anoncprezoj: 1 pag'o 6 U.S. Dolaroj, ½ pag'o 3½ U.S. Dolaroj, ¼ pag'o 2 U.S. Dolaroj. Malgrandaj inters'ang'anoncoj c'iu vorto 5 orpfenigojn. Fino de la akcepto de la anoncoj po la 1 a de monato.

## T E L E G R A M O.

Al la XVIIa Esperanto mondkongreso
G e n è v e (Svisujo)

El Koblenz (Germanujo) al la ĉi-tiujara Esperanto mondkongreso multajn salutojn kaj bonegajn sukcesojn.

Josef G r o e b e l , prezidanto de la „Amikeco"

*

## Kolektantoj kaj Esperanto.

De J.Groebel.

Jam en antikvaj tempoj la kolektado de belaj objektoj, kiel ŝtonoj, moneroj k.t.p. estas tre plaĉanta laborado kaj disvastigita. En nova tempo, precipe la lastajn jardekojn formig'is per la apero de la letermarkoj nova kolektideo. En ĉiu civila lando nun ekzistas emuloj, kiuj okupas sin per kolektado de letermarkoj kaj poŝtk. Tiuj-ĉi kolektantoj, nomataj filatelistoj, korespondas kun eksterlandanoj pro interŝang'o de siaj markoj kontra eksterlandaj markoj, por alplenigi tiamaniere siajn kolektarojn malmultekoste. Pri tio oni povas konstati la grandan

valoron de la lingvo Esperanto. Mi mem interŝang'adas letermarkojn depost 7 jaroj kun preskaŭ ĉiuj landoj de la tero. Ho, kiel ofte mi treege bedaŭris ke mi ne scipovis mondlingvon „Esperanto". Fine mi eklernis kaj amis tiun-ĉi belan utilegan lingvon. Hodiaŭ mi estas, kiel gvidanto, la estro de la Amikeco kaj mi alvokas al la kolektantoj de kiuj ajn objektoj.

Aligu vin kun la Amikeco.
Varbu por Esperanto.

*

KIU ESTAS KUNFARONTA ?

Propagando nomig'as la vorto, kiu alportis la plej bonajn sukcesojn je ĉiuj fakoj. Anoncoj en la gazeto, de la plej multaj legantoj ne estas atentataj, sed la propagando iras de buŝo al buŝo. Reprezentanto de iu lando neniam estas kapabla prilabori sian tutan landon, tiel kiel estas dezirinde en la intereso de nia bela afero. Tial ni volas elekti „delegitojn" en ĉiuj grandaj urboj, kiuj komune kun la landreprezentanto laboru. Tiamaniere estos eble al ni, malrapide sed certe, atingi la celon, t.e. la unuig'on de Esperantsciantaj kolektantoj en la Amikeco.

*

Al la ĉi-tiujara mondkongreso en Genève partoprenos oficiale kiel delegitoj la sinjoroj de la Amikeco L.Funken, Koblenz kaj H.Lorenz, Koblenz. La nomitaj sinjoroj kaj ĉiuj landreprezentantoj estas rajtigataj, varbi novajn membrojn kaj enspezi la kotizaĵojn. La estejo de niaj reprezentantoj estos publikata per afiŝo.

*

R E C E N Z E J O .

Batalantoj por la homara paco. De d-o Winfried Fricke, 1925. Eldonejo „ La Batalanto " Hannover, Germanlando.

La Libreto, skribita el firma kredo je tera paco venonta, alvokas la homojn solidarig'i. „ Ni homoj devas agi kune! " Ĝi vidigas nin la alcentrig'on de la grandaj fortoj surteraj, jam nun ekzistantan kaj kondukontan al la „ Homara Paco". -La ankaŭ eksteraĵe plaĉa verketo meritas studadon kaj disvastigon. L.Funken.

# R E G U L A R O.

## 1

## Interŝang'a-sekcio por ĉiaj kolektspecoj.

Membro povas farig'i ĉiu kiu komprenas Esperanton, kiu posedas bonfamon kaj estas almenaŭ dekokjara. La jarkotizaĵo kostas 1 U.S.Dolaron por la unuig'a gazeto „Amikeco" kiu estos forsendata senpage. Ĉiu membro devig'as fini ciujn interŝang'sendaĵojn dum 10 tagoj. Interŝang'objektoj kiujn la ricevinto de la sendaĵo ne bezonas, tuj devas esti resendataj.

Tiu, kiu plimalgrandigas la estimon de la unuig'o, ne obeas la regularon aŭ alie malutilas la unuig'on, estos enskribata en la nigra listo kaj povas esti forigata el la unuig'o.

Ĉiuj plendoj estu direktataj al la ĉefo de la „averta fako" s-ro. Joh.Baum, Koblenz/Rh. Kastorhof 33, Germanlando.

## 2

## Sekcio por migrantaj poŝtkartoj.

Kiu volas partopreni tiun - ĉi sekcion devas uzi la vojag'poŝtkartojn de nia unuig'o. 6 poŝtkartoj kostas ¼ U.S. Dolaro kaj estas haveblaj ĉe la estro de la unuig'o. Ĉiu Amikeco-membro devig'as tuj forsendi la vojag'poŝtkartojn adresitajn al sia adreso, al membro en alia lando. Kiel lasta, la posedanto kiu estas signita sur la karto ree ricevos iliu.

## 3

## Rondsendasekcio por filatelistoj.

Kiu estas partoprenonta en tiu-ĉi sekcio devas tuj sciigi ĉi-tion al la estro de la unuig'o.

Ĉiu membro de tiu-ĉi fako povas liveri poŝtmarkojn por la rondsendkomunikig'o. Por plifaciligi nian aferon nur egalaj kajeroj estas permesitaj. Tiuj-ĉi kajeroj devas esti aĉetataj ĉe la estro kaj kostas por eksterlando po 2 ekzempleroj 1 internacian respondkuponon inklusive sendkoston, en Germanujo 2 ekzempleroj inklusive sendkoston 20 orfenigojn en poŝtmarkoj. Post cirkulado la ne venditaj markoj estas retrosendataj. De la enspezo de la venditaj markoj 15% estas deprenataj kiel kostoj kaj la sendinto de la markoj ricevos 85% minus retrosendkosto, kontante.

La estro enskribas konton por ĉiu partoprenanto de la rondsendsekcio, kiu kvaronjare tuj devas esti saldata kontante. Sumoj da pli ol 1 U. S. Dolaro devas tuj esti pagataj post elpreno de la markoj al la estro, por ke la malplenaj kajeroj povu esti resendataj kun kaso al la posedanto. Ĉiuj markoj nur post farita pago iĝos posedaĵo de la elpreninto. Kreditaj havoj senindulge estos enpeligataj. Honesto postulas, ke ĉiu membro pagas akurate por plifaciligi nian entreprenon.

Je ricevo de rondsendaĵo oni devas atenti, ke ĉiuj en la akompankupono signitaj kajeroj estas enmetitaj kaj ĉiuj malplenaj markfakoj estas desegnitaj. Sur la malplenaj kajeroj oni devas skribi la nomon kaj membronumeron. Pro malplenaj fakoj, kiuj ne havas signon, la antaŭa sendinto estas responda, sur tiaj fakoj oni devas skribi „malplene ricevita" kaj sciigi senprokraste letere la sendinton de la rondsendaĵo (landreprezentantoj aŭ la estron de la unuiĝo.) Ĉiu rondsendaĵo devas esti forsendata plej malfrue je tria tago. La forsendado de ĉiuj rondsendaĵoj devas esti farata enskribite aŭ kiel valorletero. Ĉiu membro deviĝas enskribi ĉiujn rondsendaĵojn en libron, por ke li ĉiutempe estu kapabla, argumenti ĉiujn iam posedintajn kaj forsendintajn rondsendaĵojn. Tiu, kiu ne povas pruvi perditan sendaĵon, devas anstataŭi ĝin.

*

Ĝis nun alvenis jenaj libroj kaj gazetoj.

Batalantoj por la homara paco, de d-ro Winfried Fricke 1925. Eldonejo: Hannover, Bürgermeister Finkstr. 19, Germanlando. Prezo 0,40 ormk.

Aŭstria Esperantisto n-o 6.
Bulgara Esperantisto n-o 9,10.
Esperantista Junularo n-o 25,26.
La Interligilo de l' P.T.T. n-o 5,6,7.
Itala Esperanta Revue n-o 3.
La Kolportisto n-o 2.
La Suda Kruco n-o 56,58.
Reklamo n-o 3.
Sudameriko n-o 2,4.
Svenska Arbetar Esperantisten n-o 3.
Der Veritaner n-o 9.

*

N O V A J   P O Ŝ T M A R K O J .

A l b a n u j o . Flugpoŝtmarkoj, orvaloro: 5 c. flaveverda, 10 c. ruĝ'a, 25 c. blua, 50 c. malhelverda, 1 fr. violkolora-nigra, 2 fr. oliva -violkolora, 3 fr. orangkolora-malhelverda.

Ĉ e ĥ o s l o v a k i o . 30 h. violkolora, kolombmodelo. (Sciigo de s-ro Ing. O.Schwarz.)

G e r m a n l a n d o . Okaze la interkomunikiga ekspozicio en „München„ aperis du novaj Poŝtmarkoj valore 5 kaj 10 pfenigoj je la bildo de rado kun flugiloj.

*

N O V A J   A D R E S O J .

J u g o s l a v i o .

168.Karlovac, Zrinjski trg. 3, s-ro K.Franjo.
85.Koprivnica, ul.Lenišce, s-ro G.Jelka. 1
84.Koprivnica, Kolodvor, s-ro Ŝ.Katica.c,d,e.
124.Koprivnica, Oruzanska ul. s-ro M.Jakob.1,2
54.Koprivnica, Stari Brezance 741,s-ro Parlovic Josip.
73.Novi Sad, svt jovanski trg. s-o M,Voljko.
190.Pitomača, s-ro D.Simo.
290,Split, Sarajevska ul 8, s-ro B.Ljubo-Marčic

E s t o n i o .

210.Nömme, Aplegi 9, s-ro Aleksander Pöldots, a,b,c,d,e,Mi.Y.-T. 1.

*

---

# AMIKECO

Internacia Esperantista Kolektanto Klubo
kaj
Internacia Klubo de Esperantistaj Filatelistoj.



Prezidanto: Josef G r o e b e l ,
Administracio: Koblenz/Rh. Eltzerhofstr.5
Germanlando.



A L I G' I L O .
Mi anoncas mian alig'on al la A m i k e c o .

Nomo antaŭnomo

profesio urbo

strato n-o. ŝtato

I n t e r s' a n g' t a b o l o .

Oni substreku tion, kion oni kolektas!
a-poŝtmarkoj antaŭ 1914, b-poŝtmarkoj post 1914 c-poŝtkartoj, d-nur Europa, e-nur el eksterlandoj, f-stampmarkoj, g-servomarkoj, h-tutaĵoj, j-novaĵoj, k-leteroj, l-esperantgazetoj, m-reklamaj markoj, n-helpmono, o-moneroj, p-medaloj;

1-kun ĉiuj membroj, 2-kun junaj fraŭlinoj, 3-kun fraŭloj, 4-mi respondas ĉian skribaĵon, 5-mi interŝang'as nur post mia antaŭa demando, 6-pri sociaj temoj, 7-pri laboristaj demandoj, 8-pri modernaj aktualaĵoj kaj okazintaĵoj, 9-pri artistaj kaj sciencaj studoj.

K a t a l o g o j:
Bo.-Boreklisto, Mi.-Michel, Se.-Senf, Sc.-Scott, Y.T.-Yvert-Tellier.

Jarkotizo 1 U.S.Dolaro.

## Leterkeŝto?

Je tiu rubriko ĉiuj demandoj ne rapide respondeblaj estas respondotaj, kaj al nia membroj senpage donota la dezirita informo.

S-ro Arrigo Tonini: Udine. La novan gazeton bedaŭrinde oni ne povis sendi al vi pli frue.

S-ro H. Rüdiger, Breslau. Via nomo tròvig'as sur pag'o 4 de la nova membrolisto.

S-ro Kurth Bärthel. Buchholz Sa, Laŭ regularo ĉiu membro estas devigata forsendi la vojag'-poŝtkartojn.

S-ro Th. Warth, Milano. Ĉu vi volas ankaŭ post via log'ŝang'o ree esti okupata kiel reprezentanto de la Amikeco en Italujo ?

*

La nova reprezentanto por Polujo
estas s-ro W. W r o b e l , Boryslaw,
polujo potok dolny, Dom de Premier.

---

N O V A J M E M B R O J .

266.Budapest. I Delivasut Jgazgatosag, Hungarujo, s-ro Emilio Löbl, a,b,c,d,e,Mi. 1.
323.Essen-Borbeck, poŝtkesto 49, Germanujo, Esperanto grupo: „Esperanto por ĉiam", c,k.
324.Berlin-Neukölln Steinmetzstr.82, Germanujo s-ro Norbert Lossberger. Bonvolu sendi al mi ilustr. poŝtkartojn kun vidaĵoj de diversmanieraj fervojoj, sur tero-,sub tero-super tero-, tuneloj-, dentradaj-, tramoj-, elektro- kaj vaporo.
325.Budapest, XI Rakos 3,III/2, Hungarujo,s-ro Minaelo Gaspar, a,b,c,e.
326.Budapest, VIII Jllés 13, Hungarujo, s-rino Mario Kovats, c.

N O V A J A D R E S O J .

15.Detroit Michingan, 5251 St.Clair Ave, s-ro Hans Flemming. Reprezentanto por Usono.
214.Cleveland, Ohio, 3442 West 97.strato, s-ro Fr.W.Regenhardt.
90.Milano (Musocco), Viale Vittorio Veneto 29 Italujo, s-ro Th.Warth, a,b,h,e. 1,4.

## K a r a   s a m i d e a n o !

Mi permesig'as al vi sciigi, ke mi, pro la propagando por nia kara lingvo, mian log'ejon ŝang'is. Mi daŭrigos, sub la samaj vidpunktoj (ŝang'o de pm. kaj papermono k.t.p.) miajn ŝang'rilatojn, enprenante la novan landon.

Bonvolu adresi la estontajn sendajojn al via samideane salutanta

Ŝang'amiko:

Theodor Warth, bankoficisto

autaŭe: Neunkirchen Saar, Gerichtstr. 21

nun: Milano (Musocco) Viale Vittorio Veneto 29

Italujo.

---



---